# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**Nº 8. — Oktobro 1927.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

Unu numero : *0,1 dolaro*

Jarabono : *0,5 dolaro.*




*Kotizo al I. S. A. E.*

Vidu trian paĝon de la kovrilo malsupre.

REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Ĝenerala Sekretario de I. S. A. E.

35, Rue Du Sommerard
PARIS, France

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.

32, Grande-Rue
ENGHIEN-LES-BAINS (Seine-et-Oise)
France

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

VIKÁR, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

## INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

### Reklama Fako

Ankoraŭ nun plej granda parto de la publiko ne aŭdis eĉ la nomon ESPERANTO ;

alia parto aŭ nenion scias, aŭ eraras pri ĝia signifo ;

sekve vigla kaj lerta **reklamado** estas necesa por diskonigi, ne nur tiun nomon, sed ankaŭ ĝian signifon ; por montri tiun signifon, al tiu nomo estu kunigataj kelkaj malmultaj, sed trafaj, klarigantaj, *nacilingvaj* vortoj, aŭ bildo facile kompreneebla de ĉiuj ;

sed, ĉar ni havas preskaŭ neniun monrimedon por tiu reklamado, ni devas uzi malmultekostajn metodojn, utiligante plej bone la rimedojn, kiujn ni havas.

La plej facile uzebla estas fiksado de **glumarkoj** sur ĉiuspeca korespondaĵo (leterkovertoj, gazetkovertoj, cirkuleroj, komercaj paperoj, k.t.p.).

Por tio, glumarkoj montrantaj la frazon : *« Uzu nur Esperanton — tre facilan lingvon — por viaj internaciaj rilatoj »* estu eldonitaj en diversaj naciaj lingvoj.

*La sendanto algluu sur sia korespondaĵo unu glumarkon en sia nacia lingvo kaj alian glumarkon en la lingvo de la adresato.*

Ankaŭ estu eldonita glumarko montranta bildon, internacie kompreneblan, kiun *sendanto fiksu sur ĉiuj siaj poŝtsendaĵoj, se ĝi ne havas glumarkojn en la suprediritaj nacilingvoj.*

Preferinde la nacilingvaj glumarkoj estu eldonitaj de la naciaj propagandaj societoj, kaj internacia glumarko de internacia organismo (Centra Komitato, U. E. A., k. t. p.), kiuj disvendu ilin.

Por montri eblecon realigi tiun programon, I. S. A. E. eldonis :

1e *Glumarkon montranton la frazon : « Uzu nur Esperanton, k. t. p., franclingve redaktitan.* (Sekve tiu glumarko estas fiksota sur poŝtsendaĵoj *al* aŭ *el* Francujo) ;

2e *Internacian glumarkon* montrantan bildon prezentantan la stelon Esperanto leviĝantan super la ruinoj de la Babel' turo.

3e *Poŝtkarton* montrantan tiun bildon.

**Prezo :** *Cent glumarkoj franclingvaj aŭ internaciaj, aŭ dek poŝtkartoj po unu respondkupono aŭ egalvaloro.*

**Mendoj,** *kune kun la mono (per poŝtaj aŭ de U. E. A. respondkuponoj, francaj poŝtmarkoj aŭ bankbiletoj) estu adresataj al* **S-ro Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris 5e, France.** *Sciigu zorge la glumarkojn deziritajn (franclingvajn aŭ internaciajn).*

# BULTENO

DE

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

Nº 8. — OKTOBRO 1927

## VIVO DE NIA ASOCIO

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

1º *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Junio 1927 ĝis la 1-a de Septembro 1927*

### Britujo

**Grimmitt** (V.), 14, Clarendon Road, Lewisham, London S. E. 13.
**Grogan** (D-ino A. G.), 7, Anson Rd., Tufnell Park, London N. 7.
**Lishmar** (A. B.), 11, Duckworth Grove, Biadford, Yorkshire.
**Morton** (C. M. E.), 49, Mount Pleasant Str. Dalton, Huddersfield, Yorkshire.
**Moscheles** (S-ino M.), 84, Fellows Road, London, N. W. 3.
**Rodger** (S. T.), 11, Ossian Road, London, N. 4.
**Segaña** (S.), 170, Brixton Road, London, S. W. 9.

### Ĉeĥoslovakujo

**Molnar** (J. B.), bankoficisto, Praha, Dejvice 309.

### Danzig

**Aeltermann** (B.), 41, Bärenweg, Danzig-Langfuhr.
**Orrechowski** (F.), diplomatisto, Vengarten, Danzig.
**Potnischky** (J.), profesoro, T. H., Danzig.
**Thaddée**, Am. Holgraum 20/II. Lada Bienkowski, Danzig.

### Francujo

**Grisel** (G.), 4, rue Petit, Saint-Denis, Seine.
**Tiard** (S-ino M.), Villa Esperanto, 11, r. de la Procession, Paris-15.

### Germanujo

**Gehrmann** (J.), Rieklinghausen III, Westfahlen.
**Langner** (D-ro), Studiendirektor, Sprottau-Schlesien.
**Ojlück** (D-ro J.), Bayreutherstrasse, 3, Berlin W. 62.
**Plehrz** (H. J.), teknika studento, Bahnhofstr. 21, Breslau 2.
**Schulze** (O.), profesoro, direktoro de la Lernejo por Metio kaj Artmetio, Elberfeld.
**Wandsbelk** (M.), Ahrensburgerstr. 75, Hamburg.

### Hispanujo

**Mangada Sanz** (L.), telegrafoficisto, studento de matematiko en Centra Universitato de Hispanujo, 5, Glorieta de Bilbao, Madrid.
**Piño** (A.), 24, Str. Colon, Valencia.

### Italujo

**Oppizzi**, doktoro, Locate Triulzi, Milano.

### Japanujo

**Asada**, profesoro, medicina Fakultato, Nagasaki.
**Oishi** (W.), doktoro, Aerologia Observatorio, Tateno apud Tutiura (Ibaraki-Ken).
**Ossaka** (Kenji), mekanika inĝeniero, Japana Esperanto Instituto, Ŝin-Ogaua-maĉi III, 14, Uŝigome-Ku, Tokio.

### Nederlando

**Omnen** (M. F.), inĝeniero, Groothertogimelaan 97, La Haye.

### Norvegujo

**Schjerde** (J.), cand. real. ĉe Vojaĝoficejo Bennett, Oslo.

### Polujo

**Blech** (L.), cand. phil. Przemysl.
**Dziedzic** (I.), advokato, Torun, Szeroka, strato 13.
**Hillelo Oberländer v. Sternberg**, bibliotekisto, Czortkov.
**Kuzniar** (C.), ĉefa ŝtata geologisto, Rakowiecka 4, Warszawa.
**Medrkiewicz** (J.), doktoro, poŝtkesto 74, Lublin.
**Nowakowski** (S.), profesoro, Wjagdowa, 3, Poznan.
**Plonskier** (M.), inĝeniero, str. Szeroka, 4, Plock.
**Rawicki** (F.), parohestro en Budzistaw Koscielwy, poŝto Klerzew per Konin.
**Saĥaroff**, poŝtkesto 138, Moskvo.
**Trochimowski** (M.), Krochmalna 36 M. I., Warszawa.
**Zamenhof** (Adam), doktoro, Krolewska 41, Warszawa.
**Zamenhof** (Leono), doktoro, Marszalkowska 125, Warszawa.
**Zamenhof** (Sofio), doktoro, Krolewska 41, Warszawa.
**Zausmer** (S.), Sykstuska 42, u. p. Wiesenberga, Lwow.
**Ziomek** (M. J.), juristo ekonomisto, Wincentegopola 5, Krakow.
**Weinsberg** (S-ino R.), prokuristino, Str. Anny, 9, Krakow.

### Svisujo

**Barraud**, inĝeniero, Chemin des Pâquerettes, Lausanne.
**Tarelli** (c. c.), 35, route du Chêne, Genève.

### Usono

**Hamann** (F. A.), 481-63 nd Street, Wanwatos, Wis.

2° *Ŝanĝoj de adreso*

**Kodera** (R.), profesoro, 22, rue de la Croix du Val, Meudon (Seine-et-Oise), Francujo ĝis Majo 1928; poste 760 Uyenohara, Nakamo-maĉi, Tokio (Japanujo).
**Cozic**, 157, route de Clamart, Vanves (Francujo).
**Van Hengel**, Blaricum (Nederlando).

*N.-B. — La novaj membroj estas insiste petataj konigi al la* **ĝenerala sekretario, 35, rue du Sommerard, Paris 5ᵉ, France,** *kiel eble plej baldaŭ, erarojn en sia adreso; kaj ankaŭ sian profesion, se ĝi ne estas montrata sur tiu listo.*

# XIX$^{a}$ UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## Ĝenerala Kunsido de I. S. A. E.

La kunsido de la **Internacia Scienca Asocio Esperantista** okazis en la urbdomo de *Danzig* vendredon la 29-an de Julio 1927, je la 15-a ĝis 17-a horo.

Ĉeestis la prezidanto Prof. *Odo Bujwid* kaj 28 membroj.

La delegito por Britujo, S-ro *Lechmere-Oertel,* prenis sur sin la oficon de provizora sekretario kaj malfermis la kunsidon per la legado de la raportoj de la ĝenerala sekretario kaj de la sekretario-kasisto, kiuj montris kontentigan progreson dum la pasinta jaro.

Tiam oni priparolis diversajn temojn : gravan proponon por propagandi pere de glumarkoj kun atentigaj devizoj, kaj kooperadon por la traduko de sciencaj verkoj (vidu Bultenon 7-an, de Junio 1927). Ambaŭ proponoj estis akceptataj kun aprobo.

D-ro *Döhler* (*Riesa,* Germanujo) prezentis tre interesajn sciigojn pri la progreso de Esperanto en radio-amatoraj rondoj, kaj demandaron por enketo inter radio-amatoroj.

S-ro *Paul Conrad (Berlin)* parolis pri la manko de unu sola helplingvo kiel interkomunikilo inter aviadistoj kaj klarigis la urĝon de tiu demando per rakonto de okazaĵo pri la aviadisto *Chamberlin,* kiu antaŭ nelonge faris rekordan flugon de Usono al Germanujo. Tuj post alteriĝo en Germanujo la lingva malfacilaĵo jam ekfrapis la aviadiston kaj lia unua demando estis : « Kian lingvon mi devas paroli ? »

Oni diskutis pri teknikaj vortaroj kaj la nepra neceseco de baldaŭa publikigado de la ĉefaj terminoj en ĉiu fako laŭ mallonga formo kaj laŭ la decimala klasigo, klarigata en Bulteno N° 7 de D-ro *J. Hanauer (Berlin)*, kies proponoj tiurilate estis akceptataj.

Samrilate S-ro *Ernest Meyer (Saarteritorio)* opiniis, ke oni bezonas tri ŝtupojn de agado por interesi la eldonistojn :

1$^{e}$ Esperantigadon de la titoloj ;

2$^{e}$ Malgrandajn resumojn ;

3$^{e}$ Grandajn resumojn.

Antaŭ ĉio oni demandu esperantajn titolojn.

D-ro *Blassberg* (Varsovio) parolis pri progreso de fakvortara laboro, entreprenita de D-ro *Briquet* (Lille) kaj pri klopodoj faritaj de D-ro *Robin* (Varsovio) por enkonduki Esperanton en la medicin-militistan kongreson en Varsovio.

S-ro *Josef Litauer* (Varsovio) proponis, ke la Asocio speciale atente okupiĝu pri la propagando de Esperanto ĉe la internaciaj kongresoj de ne-esperantistaj sciencistoj. Por tiu celo devas esti kreita speciala komisiaro apud la Asocio por ke la propagando ne estu disa sed metoda, kaj ke neniu kongreso estu ellasata.

D-ro *W. Oishi (Tutiura,* Japanujo) prezentis al la kunsido la unuan numeron de la *Raporto de la Aerologia Observatorio de Tateno* enhavanta priskribojn detalajn de la observatorio kaj de la observadoj tie faritaj per pilotbalonoj. La observadoj per kajto, mallibera balono kaj aliaj estos publikigataj en la sekvantaj numeroj. Ĉi tiu unua eldono de la jara raporto estas redaktita tute en Esperanto, kaj eldonita de la japana ŝtata observatorio mem, tre grava fakto por nia movado. La prezentado de la libro estis akceptata kun entuziasmo de la kunsido, kiu gratulis la verkiston, S-ron *Oishi*, pro lia bonega laboro, grava ne nur por la scienco de aerologio, sed ankaŭ por pruvi, ke Esperanto estas taŭga lingvo por tia verko.

La prezidanto atentigis pri la nepra neceseco subteni la publikigadon de la esperantaj aldonoj al la revuo *Gerlands Beiträge zur Geophysik,* kaj petis la ĉeestantojn fari sian eblon abonigi je tiu verko bibliotekojn, por ke la esperanta aldono ne ĉesiĝu.

Poste oni diskutis pri la elekto de novaj komitatanoj kaj decidis konservi la nunajn ; sed laŭ propono de D-ro *Robin* (Varsovio), kun aldono de unu japano, nome de D-ro *W. Oishi,* se la regularo de la Asocio tion permesos.

La Prezidanto tiam klarigis pri proponitaj vizitoj al teknikejoj kaj invitis ĉiujn partopreni ekskursojn al la nova pola haveno *Gdynia* kaj poste al diversaj konstruaĵoj, minejoj kaj fabrikejoj en Varsovio, Krakovo kaj ĉirkaŭaĵoj.

Fine oni diskutis ĉu dua kunsido estas necesa kaj decidis ke ne ; sekve la prezidanto fermis la kunsidon.

Ĉirkaŭ 40 novaj membroj aliĝis la Asocion dum la kongreso.

## Postkongresaj Ekskursoj

Pro la plenplena kongresprogramo en *Danzig* kaj la pilgrimo al *Varsovio* kaj *Bialystok*, estis malfacile aranĝi grandan programon por pluaj ekskursoj al teknikejoj ĉe *Danzig* kaj Varsovio; tamen ni faris tre interesan viziton al la nova pola haveno de *Gdynia*. Entute 29 ĉeestis kaj ĉiuj havenverkoj farataj estis montrataj.

*Gdynia* antaŭ nur tri jaroj estis malgranda fiŝista vilaĝo de 400 loĝantoj; nun ĝi jam havas pli ol 4000 loĝantojn kaj rapide kreskadas. Grandaj belaj konstruaĵoj leviĝas ĉie, kaj grandaj digoj kaj kajoj stariĝas por komerca kaj milita haveno. Kiam ĉio estos finita — post dek pluaj jaroj — *Gdynia* povos sukcese konkuri kun *Danzig* kiel eksportejo de la Vistula ebenaĵo. Oni diras, ke la situo de *Gdynia* estas eĉ pli oportuna kaj taŭga, ĉar la haveno estas pli profunda ol la Danziga. Oni jam enlasis transatlantikan gigantulon de 20.000 tunoj. La havenlaboroj estas farataj de franca kompanio kooperanta kun la pola registaro, kaj estas plenumitaj laŭ la plej moderna kaj efika plano.

Tiuj, kiuj veturis ĝis Krakovo havis la plezuron viziti la plej malnovan kaj plej grandan salminejon en la mondo apud *Wieliczka*, je 13 kilometroj sude de Krakovo. La minejo estas eltrovita en la XI-a jarcento kaj daŭre ekspluatita dum preskaŭ naŭ jarcentoj. La salo tie trovata estas parte kristala manĝebla salo, sen iu ajn malpuraĵo, sed plejparte estas miksata kun argilo. Tiu malpura salo estas purigata en tute moderne konstruita purigejo, de kie ĝi estas eksportata al multaj landoj. Oni ankaŭ fabrikas el tiu salo pogrande, laŭ la metodo de *Nobel*, natrio-hidroksidon uzatan por saponfarado kaj aliaj teknikaj celoj. Menciinda estas, ke oni ankaŭ trovas proksime de la urbo *Kalusz*, en orienta Malgrand-Polujo, kalian salon ofte miksitan kun blua kristalo de natria salo en minejoj pli riĉaj ol tiuj de Stasfurto, en Germanujo. Troviĝas ankaŭ riĉaj zink- kaj kadmium-minejoj en la distrikto proksime de Krakovo. Bedaŭrinde pro manko de tempo oni ne povis viziti ilin, nek la petrol- kaj parafinminejojn en *Borislav*, nek la karbon-minejojn proksime de Krakovo.

F. O. Lechmere-Oertel,
*Delegito por Britujo, Provizora Sekretario.*

La ĝenerala kunveno de la Asocio en *Danzig* decidis konservi la nunajn membrojn de la Komitato, aldonante D-ron *W. Oishi*.

**Post tiu reelekto, la Komitatanoj devas elekti sian estraron**; *se, ĝis la 1-a de Decembro, la ĝenerala sekretario ne ricevas proponon por ŝanĝi la nunan estraron* (vidu : Bultenon N° 6, Aprilo 1927, paĝo 2), *tiu ĉi estos rigardata kiel denove elektita por la nova jaro*.

Universitata semajno en Esperanto okazis samtempe kun la XIX-a Universala Kongreso de Esperanto en *Danzig*, de 28. Julio ĝis 4. Aŭgusto. Ĝi estis dediĉata al la unuecigo kaj normigo en la kampo de l' scienco, tekniko kaj internacia juro.

La programo enhavis la sekvantajn nomojn : Prof. *Bujwid*, eks-rektoro de la Universitato de Krakovo (Unuecigo en la kampo de l' profilakto) ; *A. Behrendt*, konsilisto en la Poŝta Ministerio, *Berlin* (La telefon-kabloj por longa distanco : ilia teknika bazo kaj valoro ekonomia) ; D-ro *A. Vogt*, bankiero, *Stuttgart* (Unuecigo de l' mono) ; Prof. *Hazime Asada*, profesoro ĉe la Universitato de *Nagasaki*, Japanujo (Jurmedicino) ; *Ch. Tarelli*, de la Internacia Laboroficejo, Ĝenevo (Unuecigo de l' laborleĝaro) ; Prof. D-ro *H. C. Schmidt*, *Potsdam* (Unuecigo kaj normigo en la kampo de l' scienco de termagnetismo).

Nia kolego S-ro **Torrès y Quevedo** estis elektata *nefranca societano* de la Franca Akademio de Sciencoj. La ĝenerala sekretario adresis al nia eminenta kolego la respektplenajn gratulojn de nia Asocio.

## SCIIGOJ

Ni proponis, kiel temo de diskutado en la kunsidoj de nia Asocio, ĉe la Kongreso de Danzig, kreadon de glumarkoj por reklami pri Esperanto.

Ni decidis provi tiun rimedon : per la sekvanta cirkulero, kiu estos adresata al ĉiuj esperantistaj gazetoj, kune kun peto represi, ni konigas la eldonaĵojn, kiujn ni faris.

Ni petas niajn membrojn siaflanke sciigi tiun agadon al la samideanoj, al kiuj ili amike rilatas ; por tio ni sendos al ili kelkajn cirkulerojn, se ili tion deziras.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

## Reklama Fako

Ankoraŭ nun plej granda parto de la publiko ne aŭdis eĉ la nomon ESPERANTO;

alia parto aŭ nenion scias, aŭ eraras pri ĝia signifo;

sekve vigla kaj lerta **reklamado** estas necesa por diskonigi, ne nur tiun nomon, sed ankaŭ ĝian signifon; por montri tiun signifon, al tiu nomo estu kunigataj kelkaj malmultaj, sed trafaj, klarigantaj, *nacilingvaj* vortoj, aŭ bildo facile kompreneebla de ĉiuj;

sed, ĉar ni havas preskaŭ neniun monrimedon por tiu reklamado, ni devas uzi malmultekostajn metodojn, utiligante plej bone la rimedojn, kiujn ni havas.

La plej facile uzebla estas fiksado de **glumarkoj** sur ĉiuspeca korespondaĵo (leterkovertoj, gazetkovertoj, cirkuleroj, komercaj paperoj, k.t.p.).

Por tio, glumarkoj montrantaj la frazon : « *Uzu nur Esperanton — tre facilan lingvon — por viaj internaciaj rilatoj* » estu eldonitaj en diversaj naciaj lingvoj.

*La sendanto algluu sur sia korespondaĵo unu glumarkon en sia nacia lingvo kaj alian glumarkon en la lingvo de la adresato.*

Ankaŭ estu eldonita glumarko montranta bildon, internacie kompreneblan, kiun *sendanto fiksu sur ĉiuj siaj poŝtsendaĵoj, se ĝi ne havas glumarkojn en la suprediritaj nacilingvoj.*

Preferinde la nacilingvaj glumarkoj estu eldonitaj de la naciaj propagandaj societoj, kaj internacia glumarko de internacia organismo (Centra Komitato, U. E. A., k. t. p.), kiuj disvendu ilin.

Por montri eblecon realigi tiun programon, I. S. A. E. eldonis :

1e *Glumarkon montranton la frazon : « Uzu nur Esperanton, k. t. p., franclingve redaktitan.* (Sekve tiu glumarko estas fiksota sur poŝtsendaĵoj *al* aŭ *el* Francujo);

2e *Internacian glumarkon* montrantan bildon prezentantan la stelon Esperanto leviĝantan super la ruinoj de la Babel'turo.

3e *Poŝtkarton* montrantan tiun bildon.

**Prezo :** *Cent glumarkoj franclingvaj aŭ internaciaj, aŭ dek poŝtkartoj po unu respondkupono aŭ egalvaloro.*

**Mendoj,** *kune kun la mono (per poŝtaj aŭ de U. E. A. respondkuponoj, francaj poŝtmarkoj aŭ bankbiletoj) estu adresataj al* **S-ro Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris 5ᵉ, France.** *Sciigu zorge la glumarkojn deziritajn (franclingvajn aŭ internaciajn).*
**Vidu specimenojn sur la kovrilo.**

Nia kolego D-ro *Hanauer* sendis al ni la sekvantajn sciigojn pri la **6-a Internacia Konferenco de Bibliografio,** okazinta en *Bruxelles* :

« Niaj legantoj interesiĝos kompreneble aŭdi ion pri la metodo de lingva interkompreniĝo kaj pri la problemoj diskutitaj, kiujn solvi, laŭ mia konvinko, multe povas helpi Esperanton.

« Oficiale la prezidanto S-ro *Otlet* deklaris, ke ni povas uzi ĉiujn lingvojn, permeso el kiu mi profitis komencante mian raporton per la vortoj : « Sinjoroj, mi ankaŭ povus « paroli al vi en Esperanto, sed mi daŭrigos france ĉar ĉiuj « ĉeestantoj komprenas la francan lingvon. Kelkaj membroj « de la konferenco komprenas kaj parolas Esperanton, sed ne « ĉiuj estas komprenantaj ĝin kaj se mi estus ĉiam parolanta « en Esperanto, mi estus samtempe deviginta la prezidanton « aŭ la sekretarion traduki miajn vortojn. » Je dua fojo la problemo de Esperanto estis mallonge priparolata de sinjoro tre simpatia, la reprezentanto kaj ĝenerala sekretario de la Internacia Instituto de Agrikulturo en Roma, kiu — bedaŭrinde sed efektive — ne estas amiko de Esperanto, ĉar li ne « kredas ».

« La animo de la ĉeestantaro ne ŝajnis al ni favora al eventuala respondo pri Esperanto ; cetere la parolado estis tiel entuziasmiga, ke ia diskutado certe nur estis farinta malfavoran impreson. Ĉar la sinjoro forvojaĝis — ŝajne — post sia raporto, mi ne plu havis okazon paroli kun li persone.

« Se oni permesas al mi malgrandan ripetaĵon el mia artikolo en la lasta numero de nia bulteno, mi akcentas denove : mi ne scias ĉu la esprimoj uzataj en bibliografio kaj biblioteknologio estas jam sufiĉe internaciaj por ke ni povu diskuti en Esperanto pri temoj el tiuj fakoj ; sed mi estas absolute certa, ke oni hodiaŭ ne disponas pri la vortoj esperantaj uzataj en agronomio ; ĉar la esprimoj ne estas la samaj eĉ en la unuopaj landoj samlingvaj, kaj la eniro de

Esperanto en la seriozan uzadon povas fariĝi nur per la pordo de la vortaroj.

« Hazarde mi trovis hejmen reveninta interesplenan libron : *Chambre de Commerce Internationale. — Circulaire 43. — Termes commerciaux. Définitions. — Paris-VIII^e, 33, rue Jean-Goujon.* (Internacia Komerca Ĉambro. — Cirkulero 43. — Komercfakaj esprimoj. Difinoj.) La libro konsistas el 127 paĝoj, kaj estas tute dediĉata al la esprimoj cetere sufiĉe konataj en la tuta mondo, ekz. *fob, caf, cif,* k. t. p.

« Tiu ĉi fakto montras pli bone la malfacilojn, la problemojn antaŭ ni, esperantistoj — kaj antaŭ la anoj de monda ekonomio — ol scienca libro.

« Sed ni revenu al nia bibliografia konferenco.

« Partoprenis ĉirkaŭ 40 personoj el 15 landoj ; pro la limmalfacilaĵoj parte spirite sed ne persone, oni diskutis la plej utilajn metodojn por la disvastiĝo de la presaĵoj, kiuj ĝis nun certe estas la plej gravaj ujoj de la homa kulturo. Oni aŭdis la raportojn el granda nombro de landoj eŭropaj kaj ne eŭropaj : speciale ŝajnis al ni interesa la agado de la meksika registaro por kaj per la bibliotekoj.

« 1^e Oni admiras la metodon aplikatan por la presigo de granda katalogo de la Nacia Biblioteko en Parizo per fotografado — praktiko ĉiam pli uzata, ĉar tiel oni evitas devige erarojn ;

« 2^e Oni konsideris, ke la informaj servoj devas esti aranĝataj laŭ la modelo de la germanaj bibliotekoj en Berlino por atingi internacian informejon efikan ;

« 3^e Oni laŭdis la Anglojn ĉar ili prilaboras grandan sciencan bibliografion laŭ la decimala Brusela sistemo.

« El Rusujo estis alveninta skriba propono pri kombinado de Esperanto kun la decimala klasigo ; bedaŭrinde la viva homo forestis — devige — kaj ne donis pli detalajn klarigojn. Espereble mi ricevos ilin en la 20-a kongreso en Antverpeno.

« Kompreneble la plej grava demando estis la disvastigo de la decimala klasigo, kiu nun estas en nova presado franclingva. Oni atendas la volumon ĝis nun trione presitan, en multaj landoj senpacience, unue por labori per ĝi kaj due por traduki ĝin, espereble ankaŭ Esperanten ; tiamaniere oni samtempe prilaboros la vortarojn, kiel mi skribis en mia antaŭa artikolo.

« Malbone mi plenumus la devon de raportanto se mi silentus pri la bela parolado de nia samideano *Cogen* pri la historio de la harpo, la sabaton antaŭ la konferenco, en Esperanto kompreneble.

« Same mi invitas, kiel konscienca raportanto, ĉiujn legantojn viziti la *Internacian Muzeon,* en la palaco *du Cinquantenaire* en *Bruxelles,* se ili havas la okazon — espereble multaj havos tiun okazon dum la 20-a. En tiu ĉi muzeo oni kolektas dokumentojn de kulturo homara, kaj mi persone nur bedaŭras ke al la moderna kultura homo nur estas permesataj tiom da horoj, kiom da tagoj oni bezonus por lerni ĉion, kio estas preparita en konstanta laboro kaj malgraŭ ĉiuj kaj ĉiaj malhelpaĵoj, kiujn nur povas kontraŭbatali viroj — kiuj ne deziras, ke oni publikigu ilian nomon. Persone mi dediĉis al la muzeo dokumenton tre interesan por ni esperantistoj : patentan priskribaĵon de D-ro *L. L. Zamenhof,* kiu koncernas skribmaŝinon.

« Mi rakontas tion por montri, ke oni povas helpi al granda entrepreno per malgranda ŝtono kaj por atentigi pri mirindaĵo.

« Preskaŭ el nenio estas kreata la muzeo, por kiu donis la nuna belga registaro vastajn ĉambrojn kaj ĉambregojn.

« Mi estas certa, ke tiaj konferencoj kaj bibliotekoj, muzeoj kaj paroladoj fariĝos multe pli efikaj post enkonduko de Esperanto parole kaj skribe por ĉiuj necesaj klarigoj.

« Do ni laboru kiel oni agas en la Mond-Palaco *(Palais Mondial)* konscience kaj senlace ! »

Nia kolego D-ro **Lehman Wendel,** de *Minneapolis* (Usono), sciigas, ke lastan jaron, unu el la profesoroj de la Universitato de *Minnesota* gvidis mirinde sukcesplenan radio-kurson ĉe tiu universitato. Nia kolego fariĝos la instruanto, pro foriro de la dirita profesoro.

S-ro **Andreis, eks-prezidanto de la Internacia Federacio de la Teknika Gazetaro,** publikigis en la itala gazeto *Il Popolo di Brescia,* longan artikolon pri Esperanto, kaj ĝiaj servoj en scienco kaj tekniko ; li aldonis decidojn de la dua kongreso de Teknika Gazetaro pri funkciado de speciala oficejo de Esperanto apud la ĝenerala sekretariejo de la Federacio.

En la numero de Junio de **Internacia Medicina Revuo** troviĝas artikoleto de Prof. *Bujwid*, nia prezidanto, pri la Internacia Konferenco en Parizo pri la *Pasteur'a metodo de rabiokuracado*. Prof. *Bujwid* konkludas per tiuj vortoj artikolon pri tiu temo en « Heroldo » : « La diverslingveco de la Konferenco pruvis « ankoraŭ unu fojon, ke kvar oficialaj lingvoj havas multe « malpli da sukceso ol unu klara lingvo ; mi priparolis kun « multaj konferencanoj la nepran neceson de enkonduko de « Esperanto, sed malmultaj komprenis tiun-ĉi neceson. Nur « unu el ĉiuj konferencanoj S-ro *Kil*, el *Tokyo*, parolis esper- « ante. Interparolante dum la ekskursoj ni ambaŭ interesigis « la konferencanojn, ŝajnas al mi, sufiĉe. Kelkaj el ili serioze « komencis pensi pri la eklerno de la lingvo. »

En raporto pri la *IV-a Internacia Kongreso de milita medicino kaj farmacio en Warszawa* (Majo-Junio), D-ro *Robin* diras ke, en tiu kongreso, la franca lingvo estis ĉefe uzata, sed ke malgraŭ tio Esperanto ekludis rolon. « La unuan fojon la « problemo de helplingvo estis oficiale diskutata : la unuan « fojon ĝi staris en tagordo de du oficialaj kunsidoj de la « konstanta kongresa komitato (en *Bruxelles* kaj en Varsovio). « ...Ĉe Bruxelles oni decidis transdoni la demandon al Kolo- « nelo *Thoman*, ĉefo de farmacia servo de la svisa armeo, kiu, « post trastudo de la afero, devis prezenti sian opinion al la « Varsovia kunsido. Tuj post alveno de Kolon. *Thoman* Var- « sovion, vizitis lin Prof. *Bujwid* kaj D-ro *Robin*. Ni kun miro « kaj ĝojo vidis en la paperujo de Kolon. *Thoman* grandan « esperantan materialon speciale kolektitan... Dum unuhora « interparolado ni konvinkiĝis pri seriozeco kaj precizeco de « laboro de Kolon. *Thoman*, kiu per unu vorto *forjetis* aliajn « lingvojn krom Esperanto, grave opiniante, ke nur Esperanto « estas forte disvastigita en multaj rondoj, kaj nur nia lingvo « meritas fariĝi oficiala helplingvo en la Kongresoj...

« ... Bedaŭrinde estas timinde, ke se oni aldonus unu « plian lingvon al la kvin jam oficialaj la rezultato estus « malfavora, des pli ke, ĉar ne ĉeestis diversnaciaj esperant- « istoj, tiu demando ne ŝajnas prava... Fine ni havas nur « idean, teorian sukceson, ĉar Esperanto venkis aliajn lingvojn « artajn ; ĝi estas simpatie pridiskutita kaj principe akceptita, « sed por estontaj kongresoj... »

La *Fervoja Fako* (*Trafika Oficejo*) *de la Japana registaro* ĵus publikigis **Gvidlibron pri Japanlando,** tute redaktitan en Esperanto. Ĝi estas 100-paĝa broŝuro entenanta multnombrajn ĉarmajn fotografaĵojn kaj desegnojn, sub kovrilo kolorita. Tiu grava verko, redaktita kun kunlaborado de *Japana Esperanto-Instituto,* konsistigas rimarkindan propagandilon. Ni konsilas niajn kolegojn uzi ĝin por agado sur la oficialaj aŭ privataj turistaj organismoj de ilia lando; certe laŭ peto Japana Instituto sendos ekzempleron. (Uŝigome, Ŝin-Ogaŭa maĉi III, 14, Tokio).

Ankaŭ okaze de la 20-a Kongreso de *Danzig*, Pollanda Esperanto-Delegitaro publikigis **Gvidlibron pri Pollando kaj Gdansk,** ĉarma broŝuro 110-paĝa kun multaj fotografaĵoj. Tiu verko estas io pli ol simpla gvidlibro; ĝi estas zorge redaktita de kompetentuloj kaj havigas multajn sciigojn pri tiu interesa kaj vivplena lando.

La nova organo « Q T C » de la **Belga Federacio de Radio-elektraj Studoj,** kies unua numero aperis en Aprilo, enhavas artikoletojn en Esperanto. Ĝi ankaŭ presigas resumojn en nia lingvo.

# SEKCIO POR TEKNIKAJ VORTAROJ

## Raporto de la Direktoro de la Eksterakademia Sekcio por ellaborado de la Teknikaj Vortaroj al la Akademio pri la Jaro 1926-1927.

En mia Raporto pri la jaro 1925-1926, mi montris kiamaniere devas esti prilaborataj la teknikaj vortaroj, se oni deziras starigi ilin laŭ logika kaj sistema metodo.

Tiu maniero konsistas ordigi la teoriajn kaj aplikatajn sciencojn tiamaniere, ke, en la vortaro de ĉiu el ili, oni povas uzi, por difini la terminojn, nur aliajn terminojn difinitajn en antaŭe starigitaj vortaroj; efektive estas necese, por eviti ĉiun konfuzon aŭ eraron, difini la teknikajn terminojn, ne per nacilingvaj tradukoj, kiom multenombraj ili estu sed per preciza difino.

Plie tiu metodo devas esti aplikata en ĉiu vortaro; por tion ebligi la terminoj estas aranĝataj laŭ ordo plenumiganta tiun kondiĉon, t. e. laŭ didakta ordo. Fakte la vortaro estas instruiga montrado de la tekniko — entenanta nur difinojn. (Jam estas publikigitaj laŭ tiu metodo matematika, marista, muzika esperantaj vortaroj).

Tamen se tiu metodo estas facile aplikebla al puraj sciencoj aŭ al industriaj kaj komercaj teknikoj, oni ne same sukcesas ĝin uzi por abstraktaj terminoj de filozofia, psikologia k. t. p. fakoj, unuvorte por tiuj teknikoj, en kiuj estas preskaŭ neeble aranĝi la vortojn laŭ la ordo, kiun ni montris ĉi-supre.

En tiu okazo alia metodo estos efike uzebla; ĝi konsistas konigi la signifon de la vorto per frazoj aŭ frazeroj en kiuj ĝi troviĝas; tiuj frazoj klarigas kaj precizigas, sen iu dubo, la signifon de tiu vorto.

Se oni rimarkas, ke la kunigo de tiuj vortoj kaj de la teknikaj vortoj difineblaj konsistigas, preskaŭ senmanke, la tutan vortaron de la lingvo, oni konstatas, ke la kunigo de la vortaroj de la teknikaj vortoj difineblaj, kaj de la vortaro, kie la signifo de la vortoj estas donita per frazoj, konsistigas la ĝeneralan esperantan vortaron, kiun kelkaj esperantistoj opinias necesa.

Aliparte la aranĝo de tia lasta vortaro estos simila al tiu de la plej gravaj nacilingvaj vortaroj; kiel en tiuj-ĉi oni devos, ĉiufoje kiam tio estos ebla, elekti la difinantajn frazojn el la verkoj de la plej lertaj aŭtoroj. Tiuj verkoj estos elektitaj de la Akademio, kiu disdonos la vortojn al bonvolaj lingvakomitatanoj. Poste ĝi alcentrigos la rezultatojn por eventuala publikigado.

Tiu kolekto de frazoj povos esti daŭrigata; ĉiu kunlaboranto sendos al la Akademio frazojn en kiuj li konstatos novan signifon aŭ nuancon de iu vorto; tiamaniere aŭtomate konsistiĝos dokumentaro pri la evoluo de la lingvo.

Estus dezirinde, ke tiu verko trovu pli da laboremaj kunlaborantoj ol la teknikaj vortaroj, ĉar ni devas konfesi ke, de unu jaro, la tasko de la Sekcio ne multe progresis.

Neniu nova kompetentulo proponis sin kiel fakestron de nova fako aŭ kiel kunlaboranton de jam komisiita fakestro, kaj la plimulto de tiuj lastaj nenion sciigis dum la tuta jaro

pri sia laborado. Eĉ kelkaj ne respondis nian cirkuleron, kiun ni sendis antaŭ unu monato por sciigado.

Aliflanke ni kelkafoje sciiĝis per la gazetoj aŭ tute hazarde, ke iu aŭ alia teknika vortaro estas komencita de esperantisto, kiu ne sciigis nin pri sia intenco. Tiu farmaniero estas evitinda se oni volas starigi, laŭ orda maniero, la aron de la teknikaj vortaroj ; aliflanke ĝi estas danĝera por la verkisto mem, kiu riskas fari laboradon neŭtilan, ĉar jam faritan.

Jen detaloj pri la nuna stato de la laborado.

**Abelkulturo.** — S-ro *Siegel*, fakestro, ne respondis nian cirkuleron.

**Aeronaŭtiko.** — Tiu vortaro redaktita de S-ro *Rollet de l'Isle*, kun helpo de S-ro *Archdeacon*, estas ankoraŭ en publikigado ĉe la eldonisto *Chiron* (Parizo). Nun la franca leksikono estas presita kaj la finaj presprovaĵoj de la tradukoj esperanta (S-ro *Rousseau*), hispana (S-ro *Herrera*), kaj angla estas korektitaj ; la itala traduko estas farita, oni antaŭvidas germanan, polan kaj bulgaran tradukojn. Sed la eldonisto deziras ricevi promesojn de financa subteno antaŭ ol komenci disvendadon de tiu aro da broŝuroj, kies preskosto estos sufiĉe granda. Pro tio proponoj estos prezentataj al la IV-a Internacia Kongreso de Aera Navigacio, kiu okazos en Romo dum la monato de Septembro.

**Arĥitekturo.** — S-ro *Azorin* daŭrigas publikigadon — kun helpo de Scienca Akademio de *Cordoba* (Hispanujo), kies membro li estas — de Universala Terminaro de Arĥitekturo, kiu entenas la teknikajn vortojn de tiu fako, laŭ alfabeta ordo de la hispanlingvaj vortoj, kun tradukoj en angla, franca, germana, itala kaj parte portugala lingvoj. La korespondanta esperanta vorto troviĝas apud ĉiu hispana vorto, en specialaj kolonoj kaj presliteroj.

**Armbetono.** — S-ro *Tiard* intencis komenci verkadon de la terminoj de tiu fako, sed atendis decidon de S-ro *Eyrolles*, direktoro de la lernejo de Publikaj Laboroj en Parizo, rilatan al starigado de kurso de tiu fako per korespondado. (Ni publikigis alvokon por varbado de lernantoj). Bedaŭrinde la nombro de la respondoj ne ŝajnis sufiĉa al S-ro *Eyrolles*, kiu prokrastis la aferon.

**Botaniko.** — S-ro *Baart de la Faille,* fakestro, pro manko de tempo kaj de kunlaborado, sukcesis nur redakti la nederlandan tekston.

**Brulado.** — S-ro *Favrel,* fakestro, ĝis nun havas neniun kunlaboranton, sed intencas verki mallongan kurson pri tiu fako.

**Desegno.** — S-ro *Favrel,* fakestro, korespondis kun S-ro *Mazzolini,* kiu sendis al li interesajn dokumentojn. Siaflanke li preparas mallongan resumon de kurso de desegno, celante verki leksikonon aranĝitan kiel tiu de aeronaŭtiko.

**Fervojo.** — S-ro *Rosher,* fakestro, sendis la finredaktaĵon de sekcioj 3-a, 9-a kaj 10-a de la kvina volumo de la seslingva vortaro de *Schloman;* ĉar ni havas la 2-an, rezultas ke 5 el la dek sekcioj estas tradukitaj. La aliaj sekcioj estas ankaŭ komencitaj kaj oni povas esperi ke la tuta laboro estos finita post dekdu monatoj (1).

**Filatelio.** — S-ro *H. Scott,* fakestro, sciigis ke la terminaro estas finita. La unua listo aperis en « Heroldo » la lastan jaron (anglaj, francaj kaj germanaj tradukoj kaj klarigoj en Esperanto). Tiu gazeto posedas aldonan liston, sed ĝis nun ne publikigis ĝin.

**Filozofio.** — D-ro *St. Kamaryt,* fakestro, sciigis ke la terminaro estas preta pli ol duone; specimenoj aperis en Scienca Bulteno de Januaro 1925 (Aldono al « Esperanto »); kun kelkaj diversnaciaj samfakuloj la fakestro korespondas pri taŭgeco de esprimoj kaj difinoj.

**Geologio.** — S-ro *Obruĉev,* fakestro, sciigis, je la komenco de la nuna jaro, ke li ne povos daŭrigi sian fakestrecon, ĉar li partoprenas teknikajn esplorojn en Nord-orienta Siberio kaj deziras anstataŭanton; ĝis nun neniu proponis sin.

**Juro.** — S-ro *Litauer,* fakestro, ne respondis nian cirkuleron.

**Komerco.** — S-ro *Rousseau,* prezidanto de la komisiono de la Societo « Esperanto et Commerce », kiu verkas la vortaron de ĝenerala komerco, skribis ke, dank' al kunlaborado de diversnaciaj personoj, tiu komisiono sukcesis starigi terminaron, kiu entenas tradukojn de la terminoj en franca, angla, germana, itala, hispana kaj ĉeĥa lingvoj. La uzita metodo

(1) La 31-an de Julio ni ricevis de S-ro Fisher la finredaktaĵon de la 8-a Sekcio.

ebligas aldoni poste iun alian lingvon, ne ŝanĝante la jam presitan verkon. Nur restas kopii la tuton, konsiderante la rimarkojn kaj kritikojn ricevitajn, kaj verŝajne la verko estos tute preta je la komenco de la venonta vintro.

**Kudromaŝino.** — S-ro *Brunet,* fakestro, ne respondis nian cirkuleron.

**Librotenado.** — S-ro *König Lajos,* fakestro, kiu lastan jaron sciigis, ke li esperis sendi la finitan verkon je la monato de septembro, ne respondis nian cirkuleron kaj nenion sendis.

**Meblofabrikado.** — S-ro *Fröding,* fakestro, ne respondis nian cirkuleron; lastan jaron li sciigis, ke li atendis helpon de diversnaciaj kunlaborantoj, verŝajne li ne ricevis ĝin.

**Medicino.** — D-ro *Briquet,* fakestro, sciigis ke la teknika vortaro de medicino estas tute preta kaj ke li eldonas kvar paĝojn en ĉiu numero de « Internacia Medicina Revuo ».

**Muziko.** — S-ro *Kalitzke,* fakestro, ne respondis la cirkuleron. Aliflanke, S-ro *de Ménil* sciigis al ni, ke jam multenombraj nomoj de muzikaj instrumentoj estas donitaj en sia Muzika Terminaro; pro tio la verkado de tiu fako estas malpli urĝa.

**Radiotelefonio.** — La teksto, redaktita de S-ro *Rollet de l'Isle* kun helpo de S-ro *Jouaust,* estas en la manoj de Internacia Radio-Asocio. S-ro *Ajsberg* zorgas pri la traduko en diversajn naciajn lingvojn.

**Stenografio.** — S-ro *Flageul,* fakestro, redaktis la tekston sed ricevis nur unu respondon al la peto pri tradukado en diversajn lingvojn; li intencas peti pri kunlaborado dum la Internacia Kongreso de Stenografio, kiu okazos en *Bruxelles* dum la monato de Aŭgusto.

**Zoologio.** — S-ro *Schröder,* fakestro, ne respondis nian cirkuleron.

Ni ricevis de S-ro *Schmidt* (Potsdam) gravan noton pri ĝenerala metodo de ellaborado de teknikaj vortaroj; tiu noto estas parte publikigita en la Bulteno de I. S. A. E. kaj estos pristudata dum la kunsido de tiu Asocio ĉe la universala kongreso de *Danzig.*

ROLLET DE L'ISLE,
*Direktoro,*
35, rue du Sommerard, Paris-5, Francujo.

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;
*b)* societojn kaj korporaciojn,

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.
**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.
**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.
(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

**KOTIZOJ** sendotaj al la kasisto **S-ro Rousseau, 32, Grande-Rue, Enghien-les-Bains (Seine-et-Oise), France.** Por la Francoj : Poŝta ĉekkonto n° 698-55 Paris.

# SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

| | Fr. fr. |
|---|---|
| **Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) . | 4.— |
| **Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . . | 12.— |
| **Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle). . . . . . . . . . . . . | 2.50 |
| **Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) . . . . . . | 12.- |

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

| | |
|---|---|
| **Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster). . . . . . . . . . | —.— |
| **Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . | —.— |

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

| | |
|---|---|
| **Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . | 5.— |

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

| | |
|---|---|
| **Raporta Stenografio**, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | —.— |

# TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio-Revuo**, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.